# KATOLIKA MONDO

**Universala Organo por tutmondaj interesoj katolikaj**

Oficiala internacia organo de „Internacio Katolika" (Ika), de „Mondjunularo Katolika" (Moka), de „Internacia Katolika Esperanto Oficejo" (IKEO) kaj de „Blanka Kruco" (Internacia misio katolika)




Numero 1. 1922/23 — II. Kolekto 1922/23


## La dua paŝo.

Gefratoj tutmondaj! Du grandaj armeoj batalas en la mondo, hodiaŭ pli akre ol iam: l' armeo de Kristo kaj l' armeo de Kontraŭkristo. La granda milito, ĉi tiu forta vekisto de la konsciencoj, trapaŝis kun teruroj la mondon, mortigante korpojn kaj animojn sennombre. Kaj la revolucio, la sangoruĉa filino de socia maljusteco kaj ekonomia mizero sekvis lin kun siaj kruelaj helpantinoj: la tumulto, la rabo, la mortigo de fratoj. Kaj nun nedirebla mizero, korpa kaj anima malsato, regas inter la popoloj kriantaj je forta Savanto.

Sendube la nuntempa kristanaro havos **kulpon** je ĉi tiu malĝoja stato. Tro ofte ni kristanoj defendis **la kapitalistan mondordon**, aprobante tiel ne nur ĝian justan flankon, sed ankaŭ ĝiajn sendube maljustajn postulojn: kaj milionoj da karaj fratoj forlasis malbenante l' Eklezion. Tro ofte ni subtenis **la troan nacian egoismon**, kiu ne rekonante la justajn vivkondiĉojn de aliaj ŝtatoj konsekvence nin kondukis al la tutmonda milito, al la malamo kaj interfrata mortigo. Ni forgesis la amon kaj niaj koroj estiĝis malmolaj kiel la feraj kirasoj de niaj militŝipoj.

Sed la terura katastrofo samtempe estas naskiĝotago de nova epoko. Multegaj homoj el ĉiuj landoj kaj lingvoj ekkonis, ke ni sekvis la vojon de Belial, adorante la oron de l' tero kaj uzante la sangan glavon de la perforto. Kaj el milionoj da kristanaj koroj eksonas la multlingva ĥoro: revenu ni al Dio nia Savinto. Kaj ĉiutage ni aŭdas pli laŭte la krion tra la mondo: **katolikoj ĉiulandaj, unuiĝu vin! Formu la internacian armeon de Jesu-Kristo, armeon de amo kaj justeco.**

Karaj gefratoj! Ankaŭ nia modesta—malfeliĉe tro modesta—gazeto volas esti **heroldo** en ĉi tiu giganta batalado. En unueca frata lingvo ĝi volas krii la helpvokon de milionoj da koroj tra la landoj kaj maroj, por **veki apostolojn de fajra amo kaj kunigi ilin al energia agado.**

**La unua paŝo estas farita.** Inter sennombraj malfacilaĵoj kaj financaj krizoj (precipe kaŭze de ĉiama senvaloriĝo de l' aŭstra kaj germana valuto), malgraŭ atakitaj eĉ de propraj fratoj, ni senhezite iris la vojon, konfidante al la bona Dio kaj la sincereco de niaj intencoj.

**La dua paŝo estas komencita.** Nia plej brula deziro estas **pligrandigi kaj plibonigi** nian karan gazeton, ke ĝi estu vere universala tribunalo de la katolika vivo kaj agado tutmonda.

Karaj gefratoj! En viaj manoj estas la sorto de nia gazeto. Kunlaboru! Varbu novajn abonantojn! 3000 **estas la celo de la dua paŝo.** Tiam K. M. espereble povas aperi dusemajne.

Al vi, **tre karaj junaj amikoj**, ni precipe turnas nian alvokon. Estas **via gazeto!** Varbu novajn anojn, ke K. M. pli ofte eliru kaj tuj vi havos grandan „Moka-angulon", kiel specialan fakon por via bele elfloranta movado!

Kun Dio ni komencu la duan paŝon! Kuraĝe antaŭen! Agadu ni! Dio helpos!

## La internacia katolika agado.

Okaze de la malferma kunveno de l' grandioza eŭharistia kongreso, nia glora Papo Pio XI[a] esprimis la plej ardan sopiron de sia patra koro: **ke la Eŭharistia kongreso estiĝu la komenco de la repaciĝo tutmonda.**

Kiel bela ideo: la mondo, la kristanaro, la katolikaro unuigita sub la sankta signo de l' amo: **la vivanta Eŭharistio.** Ĝoje ni povas konstati, ke la konvinko pli kaj pli disvastiĝas en katolikaj rondoj ĉiulandaj, ke **unueca kunagado de la katolikoj** estas necese, se ankaŭ al **la teoria konvinko ofte ne sekvas la praktika konsekvenco.** El la misteraj profundoj de la viva organizo de l' eklezio en diversaj cirkloj kaj ŝtatoj elkreskas tiucelaj klopodoj. Ĉi tie mi nur memoras la plej gravajn por montri, ke Ika ne estas sola, sed havas multajn gefratojn amindajn.

Unue mi citas la **„Unio de la Studoj"** (Union des études) sidejo en Fribourg, Svisujo, prezidanto grafo Montenach; ĉefa celo: teorie studi la problemojn de internacia kunvivado el katolika vidpunkto por trovi kristanan juron internacian; precipe ĝi nun diskutas la internaciajn problemojn, kiuj estas en la kompetenteco de la Ligo de la nacioj. La unio, kiu komence de junio aranĝis la trian konferencon, ĝis nun nur havas agadajn membrojn el la nemezeŭropaj ŝtatoj.

Simila estas la **„Unio de la studoj sociaj"**, fondita de la kardinalo Mercier, spirita kaj agada centro: la rekonstruita katolika universitato de Leuven (Louvain), Belgujo. La unio, kiu publikigas lastjare tre rimarkindan programon por internacia katolika agado socia, havas siajn membrojn ĝis nun precipe en Belgujo, Francujo kaj Italujo.

Plue mi nomas la **„Eŭharistian Ligon de la Popoloj"**, fonditan de R. P. Puntigam. S. J., kiu klopodas disvastigadi la internan pacan spiriton de la eŭharistia amo precipe per preĝoj kaj komunioj.

La **„Apostola Ligo"**, fondita dum la milito per la plej fervora R. P. Philippe, en Bruselo plej energie alceladas la revenon de la popoloj al Dio, al Kristo, al sankta Eklezio por realigi tiamaniere vere kristanan popolligon.

Sur **politika** kampo precipe estas la **„popola partio itala"**, kiu prenis la iniciaton por realigi internacian kunagadon de la „kristanaj popolpartioj". Plue mi devas memori ĉi tie la admirindan **„Demokratan Internacion"** de la katolika deputato **Marc Sangnier** de Parizo, kiu — kvankam ĝi ne nur katolikojn, sed ĉiujn „bonvolulojn" enŝlosas — tamen sukcesplene realigas la radikalo-kristanan idealon. Fine mi memoras la internacian agadon de D[ro] **Steger**, provizora sidejo en Hago kaj la **Ika-movadon**, provizora centrejo en Graz.

Se oni komparas la du lastajn klopodojn, oni eble povus supozi, ke ili estas tute samspecaj. Tamen se oni pli diligente studas, plej facile oni trovas grandajn diferencojn — sed feliĉe tiamaniere, ke unu povus tre bone subteni kaj alplenigi la alian. La agado de D[ro] Steger, kies programo estas subskribita de diverslandaj kardinaloj kaj episkopoj, unuan fojon agadis pli publike en la Pariza konferenco de 2[a] de februaro 1921. Sed pro kaŭze de malfacila politika situacio reprezentantoj de mezeŭropaj ŝtatoj ne estis invititaj, oni ne atingis la ĉefan celon, tuj aŭ plej baldaŭe krei „tutmondan ligon de la katolikaj organizacioj", sed oni decidis intertempe krei internacian oficejon kun kvar ĉefaj sekcioj por kvar ĉefkampoj de la katolika vivo, por prepari la nomitan ligon. Oni scias, ke Lia Papo Moŝto bonvole benis la entreprenon okaze de la Eŭharistia kongreso kaj ke oni intencas Romon translokigi la internacian oficejon.

La ekstera historio de la Ika-movado depost la fondo en Hago 1920 almenaŭ laŭ la generalaj traktoj estas konata. La tempo por publikigi la vere interesegajn dokumentojn de la Ika-arĥivo kaj la personajn memoriojn ne ankoraŭ estas veninta. Se ni komparas la metodon kaj la organizan formon de Ika kun la agado de D[ro] Steger, ni tuj vidas la grandan diferencon. Ika havas individuajn membrojn kiel ĉefajn kunhelpantojn, ĝi havas lokajn grupojn kiel agadcentrojn, ĝi havas naciajn direktorojn kaj delegitojn kiel ĉefagantojn en la apartaj ŝtatoj; fine ĝi havas

## Kie estas amo, tie estas ankaŭ Dio.

De Leo Tolstoj.*)

En la urbo vivis ŝuisto kun la nomo Marteno Avdejiĉ. Li loĝis en kela ĉambreto kun nur unu fenestro, kiu kondukis al la strato. Tra la fenestro li povis vidi la homojn preterirantajn. Kvankam li vidis nur la piedojn, Marteno Avdejiĉ ekkonis la homojn per la botoj. Marteno Avdejiĉ vivis jam longe en tiu ĉi loĝejo kaj konis multajn homojn. Ekzistis nur malmultaj botoj en ĉi tiu kvartalo, kiuj ne estis unu- aŭ dufoje en liaj manoj. Ĉi tiujn li plandumis, tiujn flikis, aliajn stebis, kaj kelkajn li provizis per novaj rigidaĵoj. Ofte li vidis tra la fenestro la laboraĵon de siaj manoj. Li havis multe da laboro, ĉar li laboradis ordeme, li liveris bonan materialon, li ne postulis tro multan monon kaj plenumis la promeson. Se li povis fari la laboron ĝustatempe, li akceptis ĝin; kaj se li ne povis tion, li ne mensogis al la homoj, sed antaŭdiris ĝin al ili. Ĉiuj konis Avdejiĉ-on, kaj ĉiam li havis sufiĉe por labori. Avdejiĉ ĉiam estis bona homo, sed kiam li ekmaljuniĝis, li komencis pli kaj pli multe pensi pri sia animo kaj celadi al Dio. Kiam Marteno ankoraŭ laboris ĉe majstro, mortis lia edzino. La virino postlasis al li trijaran knabon. Ili ne havis feliĉon rilate la infanojn; la pli aĝaj ĉiuj frue mortis. Marteno komence volis transdoni la fileton al sia fratino sur la kamparon, sed poste li ekbedaŭris tion, parolante al si: „Ĝenegos mian Kapitoŝkon, vivi ĉe fremdaj homoj. Mi volas lasi lin ĉe mi." Kaj Avdejiĉ foriris de la majstro kaj ekloĝis kun sia fileto en la luĉambro. Sed Dio ne donis feliĉon al Avdejiĉ rilate la infanojn. Apenaŭ la knabo iam plenkreskiĝis kaj komencis helpi sian patron, tiel ke estis ĝojinde, tiam malsano ekkaptis Kapitoŝkon; li kuŝis unu semajnon febrante kaj mortis. Kiam li enterigis la filon, Marteno ekmalesperis. Li malesperiĝis tiom, ke li komencis grumbli kontraŭ Dio. Tia ĉagreno plenigis Avdejiĉ-on, ke li petis Dio pli ofte ol unufoje pri la morto kaj riproĉis al li, ke li ne forprenis lin mem, la maljunulon, sed la unike amatan filon. Avdejiĉ ankaŭ ĉesis viziti la preĝejon. Iufoje venis al Avdejiĉ maljuna samlandano, kiu pilgrimadis jam la okan jaron kaj ĵus estis estinta en la Troiza-monaĥejo. Avdejiĉ ekinterparoladis kun li kaj komencis plendi al li sian ĉagrenon. „Mi ankaŭ ne plu havas emon vivi," li diris al li, „vi dia viro. Ke mi povu nur morti. Nur la morton mi plu petegas de Dio. Tute sen espero mi vivas."

Kaj la maljunulo diris al li:

„Ne bona estas tio, kion vi parolas, Marteno. Ni devas ne juĝi Dion. Ĉio okazas ne laŭ nia racio, sed laŭ la dia decido! Dio decidis, ke via filo mortu kaj vi vivu. Do kredeble tiel estos pli bone. Kaj via malespero devenas sole de tio, ke vi volas vivi nur por via propra plezuro."

„Sed por kio oni vivu?" demandis Marteno.

Kaj la maljunulo diris:

„Por Dio oni devas vivi, Marteno. Li donas al vi la vivon, kaj vi devas vivi por li. Se vi vivos por li, vi nenion plu prifunebros, kaj ĉio ŝajnos al vi facila."

Marteno silentis kaj demandis post tempero:

„Sed kiel oni vivas por Dio?"

Kaj la maljunulo diris al li:

„Kiel oni vivas por Dio? Tion instruis al ni Kristo. Ĉu vi scipovas legi? Aĉetu al vi la evangeliojn kaj legu: vi spertiĝos tie, kiel oni vivas por Dio. Tie ĉio estas klarigita."

Ĉi tiuj vortoj falis en la koron de Marteno. Kaj li iris je la sama tago kaj aĉetis al si Novan Testamenton kun grandaj presliteroj kaj komencis legi en ĝi.

Avdejiĉ komence volis legi nur ripoztage; sed kiam li eklegis, li sentis tiel bone en sia koro, ke li legis ĉiutage. Ofte li tiom enprofundiĝis en la libron, ke ankaŭ, se el la lampo la tuta petroleo forbrulis, li ankoraŭ ne povis foriri de la libro. Kaj Avdejiĉ legis ĉiuvespere. Kaj ju pli multe li legis des pli klare li ekkomprenis, kion Dio volas de li, kaj kiel oni devas vivi por Dio; kaj konstante pli kaj pli malpeziĝis ĉirkaŭ lia koro. Kiam pli antaŭe li enlitiĝis li blekumadis kaj ĝemadis, ankoraŭ ĉiam pensante pri sia Kapitoŝko; sed nun li diris: „Gloro al vi, gloro al vi, Sinjoro, via volo fariĝu!" De nun lia tuta vivo fariĝis alia. Antaŭe je festotagoj li ofte eniris trinkejon, trinkis teon kaj ankaŭ ne malŝatis glaseton da brando. Trinkinte ĝin kun malfremdulo, li postlasis la trinkejon, ne ebria, sed tamen vigligita, parolante sensencaĵojn kaj ofte kalumniante siajn kunvivantojn. Nun ĉio restadis for de li. Lia vivo fariĝis trankvila kaj ĝoja. Matene li sidiĝis sin ĉe sia laboro, plenumis sian tagordon, poste deprenis la lampeton de la hoko, metis ĝin sur la tablon, deprenis la libron de la breto kaj, malferminte ĝin, eklegis. Kaj ju pli multe li legis, des pli multe li ekkomprenis, kaj des pli gaje kaj ĝoje li sentis en sia koro. (Daŭrigota.)

*) Esperantigis, Leo Funken, Köln, Germ.

korporaciajn membrojn: ĉiuspecaj katolikaj organizoj kaj institucioj, kiuj volas kunhelpi en la viva katolika agado. Tiamaniere organe kaj vive kreskas la movado.

Nenia dubo povas esti, ke la fina celo de Ika kaj de la agado de D^ro^ Steger estas tre simila. Tamen la organiza formo, la metodo de la agado kaj la anaro estas tute alia. Kaj en ĉi tiu diferenco ni vidas feliĉan eblecon por unueca agado. Samtempe ni ĉi tie konstatas publike, por forigi de komenco superfluajn atakojn kaj neverajn azertojn, ke ni estonte kiel estinte estas pretaj al frata kunlaborado kaj ke ni nenion preterlasis aŭ preterlasos, kio ŝajnas utile al tiu celo.

Kiel ni vidis, la klopodoj por realigi internacian kunagadon de la katolikaj fratoj estas multnombraj. Facile oni povus citi pluajn. Eble estas katolikoj, kiuj bedaŭras, la multnombrecon kaj pli volonte vidus unuecan movadon. Eble tio estus preferinda. Sed ni bone pripensu: la katolika Eklezio estas vivanta organismo; el misteraj profundoj de ĉi tiu vivo ĉiam novaj floroj elkreskas laŭ la Dia volo. Ĉiuj estas infanoj de unu sama ĉiela patro, ĉiuj nutritaj de unu sama fonto de eterna vivo, ĉiuj gviditaj de la Spirito Sankta. Pripensu plue: l' Eklezio havas ankaŭ la plej diversajn ordenojn kaj kongregaciojn, kiu tamen kune ne povas sufiĉe plenumi la universalan taskon de l' Eklezio. Ĉu eble unu estas malutila konkuro por la alia? Aŭ ĉu unu apostolo estis, „konkuro“ de l' alia? Ĉu ne Kristo elsendis dekdu apostolojn? Ŝajnas al mi, ke en la Dia regno ne ekzistas „konkuro“ tiel longe ol 1300 milionoj ne estas anoj de Kristo kaj de la restaĵo grandnombre praktike ne vivas kun la Eklezio. Pli volonte mi opinias ke la diablo eltrovis ĉi tiun malbelan kaj materialistan vorton „konkuro“ inter ni katolikoj por malebligi la ekfloron de novaj movadoj.

Ni ĉiuj scias, ke la Sankta Apostola Seĝo plej arde subtenas ĉiujn klopodojn alcelantajn pli intiman kaj pacan kunlaboradon de la katolikoj tutmondaj. Cetere estas necese konstati ke la Apostola Seĝo ĝis nun al neniu de la multaj movadoj tiucelaj donis la oficialan aprobon definitivan. Plej bone Lia Papo Moŝto Benedikto XV^a^ mem esprimis la vidpunkton de l' Vatikano en letero al agado de D^ro^ Steger. Petita de tiu komitato je oficiala aprobo (formeele goedkoering) li respondis, ke la episkopo (t. e. la Papo) ĉe tiuspecaj entreprenoj ne donas la „bapton“ sed la „konfirmon“. (P. H. Gruber, Stimmen der Zeit, Mai 1922.) Estas ja ĉiama kutimo de l' Vatikano, por tiel gravaj entreprenoj doni la oficialan aprobon nur post longdaŭra sinprovigo. Do privata iniciato kaj plej energia agado ne nur estas permesata sed dezirata por ke pli frue iu agado estu indigita ricevi la oficialan aprobon. Kaj tiun indecon ni volas nur meriti per nia senlaca agado.

La kampo por la internacia katolika agado estas tiel granda kaj universala, ke ĉiuj movadoj kaj klopodoj ne sufiĉas, por plenumi la grandan taskon de l' Eklezio, rekonduki ĉiujn homojn al la sankta Dia regno. Agadu ni, ĉiu laŭ sia konvinko, ĉiu en sia posteno. Agadu ni frate kaj pace. Ni ne dubas, ke tiam praktika kunagado unueca estos ebla. La rikolto estas granda, la laborantoj estas malmultaj. Kasparo Mayr.

## La lingva problemo

### ĉe la internaciaj katolikaj kongresoj.

La plej granda malhelpilo por la kunlaborado de la katolikaro ĉiulanda sendube estas la lingva diverseco. Ĉu oni volas publikigi libron aŭ gazeton enhavantan novajn praktikajn ideojn por la katolikaro tutmonda, ĉu oni volas organizigi internacian gazetaran informejon aŭ agadan sekretariejon por iu ajn agada komplekso, ĉu oni volas aranĝi elparoladon de samkredanoj diverslandaj, ĉiam la lingva diverseco estas granda malhelpo, des pli granda, se ne nur lertuloj, sed ankaŭ personoj el nestudintaj klasoj devas partopreni kiel precipe ekzemple ĉe kongresoj internaciaj de la katolika laboristaro, kiuj hodiaŭ certe estas tre gravaj.

La Esperantistaro diros: ho! ĉi tiu problemo estas tre facile solvebla! por ni ja solvita! Ni sen malfaciloj interkompreniĝas unu kun la alia per nia kara lingvo, ni „Partoj, Medoj, Elamitoj, Mesopotamanoj . . .“, ni anoj de ĉiuj nacioj de l' mondo scipovantaj la saman internacian helplingvon!

Certe, Esperanto povas solvi la problemon de internacia interkompreniĝo en vere mirinda maniero. Tamen ne per si mem, per sia nura ekzisto, sed nur kaze de l' universala scipoveco! Kaj tie staras denove la problemo: kiamaniere oni solvu hodiaŭ la lingvan malfacilon ĉe la internaciaj kongresoj katolikaj?

„Nenio estas pli facila! La partoprenontaj lernu Esperanton, kio estas ebla en vere tre malmulta tempo, kaj ne plu ekzistas ia malfacilo!“

Jes! Sed kiel mi gajnu la ĉeestontajn por tiu ĉi solvo? Ĉar ne sufiĉas teorie eblaj proponoj, oni bezonas praktike realigeblajn! Kaj ĉiu nefremdulo en la mondo scias, ke la plej granda parto de l' homoj a priori pro siaj antaŭjuĝoj ne tuj akceptos Esperanton — precipe inter la katolikaro, tre konservema ankaŭ en aferoj, kie oni dezirus la kontraŭon! — tre multaj almenaŭ dubas, ĉu vere estos eble lerni la lingvon en mallonga tempo, aliaj ankaŭ ne havas la tempon por tuj lerni eĉ nian facilan lingvon. Oni scias, ke Lloyd George, demandita kial li krom la angla ne lernis alian lingvon, respondis: kiam mi estis junulo, mi ne povis pensi, ke mi iam estos ĉefministro kaj bezonos alian ol la anglan lingvon, hodiaŭ kiel ĉefministro mi ne plu havas la tempon lerni alian lingvon. La sama valoras ankaŭ por aliaj multokupitaj homoj!

Ni ankaŭ ne ŝajnigu tro facilan la lerneblon de Esperanto! Ĉar por povi kunparoli ĉe internaciaj kongresoj, oni ja bezonas sufiĉe multan ekzercon, por kio al la plej multaj lastmomente mankas la tempo.

Kiel oni do praktike solvu la problemon?

Se temas pri demonstraciaj kongresoj kiel ekzemple la eŭharistia kongreso, la afero estas ja sufiĉe simpla. Krom la liturgiaj solenaĵoj, aranĝataj en la liturgia lingvo de l' Eklezio (cetere nur de l' plej granda parto de l' Eklezio!), oni devas fine atingi, ke predikoj kaj paroladoj estu farataj en Esperanto, la komuna internacia lingvo. Certe pli granda parto de la partoprenantoj, ol ĝi hodiaŭ komprenas nacilingvajn paroladojn, povus kaj volus lerni Esperanton tielgrade, ke ili komprenus la paroladojn aŭ predikojn. Do en ĉi tiu kazo la problemo relative estas solvebla. Sed se temas pri laborkongresoj, kie la partoprenantoj aktive volas kuneesti, tio ne sufiĉas. En ĉi tiu kazo ŝajnas al mi plej praktike jena metodo: Oni allasu paroladojn faratajn en ĉiu ajn lingvo, en kiu ĉeestas tradukisto, kiu repetos la paroladojn en Esperanto kaj nur en Esperanto. Per tio oni jam gajnas la tempon ĝis nun perditan per la tradukado en diversaj lingvoj, kaj iom post iom la paroladistoj komencos fari siajn referatojn senpere en Eperanto. Do oni komence ne postulas la scipovecon paroli sed nur kompreni Esperanton, kio estas vere ebla postulo. De si mem per tio oni konvinkos la aŭskultantojn pri la utileco kaj praktikebleco de Esperanto multe pli certe ol per la plej multaj paroladoj pri Esperanto.

La nomita propono, kiun mi antaŭ kelka tempo ankaŭ faris al ĉefsekretario de la ligo de la nacioj kiel al aliaj internaciaj organizoj, nun estas akceptita de la „movado al kristana internacio“, kiu aranĝos konferencojn en Sonntagsberg dum aŭgusto de ĉi tiu jaro. Ĝi ŝajnas al mi praktika precipe ankaŭ por la laborkongreso de Luksemburgo.

Se la ĉeesto de multaj katolikaj Esperantistoj en Luksemburgo ebligas la realigon de kiel eble plej multaj paroladoj aŭ almenaŭ tradukoj en Esperanto, oni certe konvinkos la ĝis nun iomete skeptikajn reprezentantojn de la diversfakaj katolikaj organizoj, kio estos tre grava paŝo antaŭen en la subigo de la lingvaj malhelpiloj de l' internacio katolika.

D^ro^ M. J. Metzger.

## La kuncentrigo de la kristanaj fortoj en la mondo.

Revoluciaj epokoj estas naskiĝotagoj de nova kristana vivo. En multaj punktoj la moderna tempo similas al la centjaro de la grandaj reformacioj. Hodiaŭ same kiel en tiama epoko la materialismo, la lukso de la posedantaj klasoj, la socia kaj ŝtata maljustaĵoj preparis internan sindeturnon de viva kristana spirito. Tiam grandaj nacioj kaj vastaj teritorioj eŭropaj forlasis la komunan patrinon, la roman eklezion. Hodiaŭ ni vidas la fakton, ke tutaj sociaj klasoj en ĉiuj kulturaj ŝtatoj, precipe la laboristaro kaj la intelektuloj, grandamase interne aŭ eĉ ekstere foriris el la sankta eklezio kaj plej ofte kontraŭbatalas ĝin.

Sed meze de la ĝenerala dissolviĝo de la moderna societo ni vidas novajn rimarkindajn klopodojn, efektigi kuncentrigon de la kristanaj fortoj en la mondo. Certe la motivoj por tiaj penadoj estas diversaj. En kelkaj rondoj oni aspiras la esprime diritan celon, savi la malnovan socian ordon, kiu laŭ ilia opinio estis la plej perfekta de l' mondo. Sed tiucelaj nurkonservemaj klopodoj, kiuj volas konservi eĉ la malbonajn instituciojn de la pasinta tempo, ne daŭre sukcesos. Feliĉe la plej granda parto de la kuncentrigaj movadoj alceladas la kunigon de la vivaj kristanaj fortoj por energie realigi la kristanajn principojn en la mondo.

Klare ni povas diferenci du direktojn: la mehanika kaj la spirita movado. La unua ĉefe volas formi unu grandan ligon tutmondan de ĉiuj kristanaj eklezioj (interchurch Worldmovement, intereklezia movado tutmonda) kaj tiel per internacia kunagado pli aŭ malpli mehanike kaj ekstere krei unuecon de la kristanaro. Sed la realista observisto scias, ke tiaj, laŭ la bona volo de la iniciantuloj certe idealaj, klopodoj ne povas realiĝi.

La spiritaj movadoj kontraŭe alceladas precipe praktikan kunlaboradon de ĉiuj veraj kristanoj, lasante al ĉiu aparte membro, ĉu individua ĉu korporacia, la liberecon, laŭvole aniĝi al iu ekzistanta eklezio aŭ konfesio.

Malfeliĉe ni katolikoj ofte ne estas sufiĉe informitaj (kiel same nekatolikoj pri katolikaĵoj) pri tiuspecaj vere por ni gravaj okazintaĵoj. Kaj oni devas konfesi, ke ofte ne estas facile pro la granda nombro de tiucelaj movadoj ricevi ĝustajn informojn. Pri diversaj katolikaj klopodoj por internacia kunagado supre estas pli detale raportita. Ĉi tie mi nur memoras kelkajn gravajn movadojn inter la nekatolikaj kristanoj.

Unue mi citas la konatajn klopodojn elirantajn de la anglikana eklezio, krei tutmondan ligon de la grandaj kristanaj eklezioj. Sur la iniciato de la anglikana ĉefepiskopo de Canterbury 1920 okazis en Lambeth (Anglujo) grava konferenco por studi la problemon. La rezulto estis „alvoko al

## La kontraŭeklezio.

Studoj pri la framasonaro de F. J.

### I.

La problemo de la internacia organizigo de la katolikaj fortoj estas la plej urĝa tasko nuntempa. Sed plej ofte mankas la ĝusta sperto sur ĉi tiu malfacila agadkampo. La pensmaniero de la moderna homo estas mehanikita. Li klopodas ĉion „maŝinigi“. Sed nurteoriaj programoj kaj mehanikaj organizacioj ne sukcesos. Unuflanke ni studu diligente niajn efektivajn fortojn kaj aliflanke ni esploru la fortojn kaj metodojn de la kontraŭ-eklezioj: kaj tiam ni certe trovos la vojon al ĝusta agado.

Por tiu celo mi raportas mallonge pri „la framasonaro kiel kontraŭeklezio“, precipe laŭ artikoloj de P. H. Gruber S. J. de „Stimmen der Zeit“ (Voĉoj de l' tempo).

Laŭ la terminologio de la oficialaj papaj cirkuleroj „framasonaro“ estas kolektiva termino kaj signifas: la tuta spirita kaj agada movado internacia, kiu bazante sur ekskluzive natura fundamanto, neas aŭ kontraŭbatalas ĉian supernaturan religion kaj el ĉi tiu motifo precipe plej energie kaj sukcesplene kontraŭagadas la katolikan eklezion. Ĉi tiu universala spirita movado enŝlosas multajn memstarajn grupojn, naciajn aŭ internaciajn (ekz. la bone organizitaj „loĝioj“ mem, la plej diversaj formoj de l' liberalismo, la liberpensulaj kaj liberreligiulaj asocioj, la anarhistaj grupoj, la materialista socialismo ktp.), kaj estas hodiaŭ sendube la plej influa spirita potenco de la kulturŝtatoj. Ĉar ĝiaj membroj regas en la ministraroj kaj parlamentoj, en la universitatoj kaj lernejoj, en la telegrafagentejoj kaj liberalo-materialistoj gazetoj kaj revuoj. Nenia povas esti dubo: la „framasonaro“, komprenita kiel universala spirita movado, rekonante nurnaturan fundamenton de l' homa vivo, estas laŭ la ofte ripetitaj vortoj de ĉefestroj mem, la fakta kontraŭeklezio. Ĝia funesta principo estas la spirita kaj morala aŭtonomio de l' homo, kiu ne rekonas supernaturan Dion. La signo de la moderna tempo estas la giganta batalado internacia inter naturo kaj supernaturo. Kiu partio plibone scias grupi kaj pli lerte uzi siajn fortojn, tiu venkos.

Cetere ni objektive devas rekoni, ke la nomitaj fortoj sur la nurnatura kampo de la homa kulturo ofte realigas bonajn ideojn, ke multaj kunhelpantoj — laŭ ilia konvinko — sincere volas labori por la bono de l' homaro: sed samtempe ni devas konstati la gravan fakton, ke la movado per si mem, forlasante kaj neante ĉiujn supernaturaĵojn, estas plej granda danĝero por la Eklezio kaj la homaro, plue ke plej multaj ĉefestroj kaj membroj per ruze organizita agado internacia plej akre atakas kaj plej prudente kontraŭbatalas la eklezion.

Interesega estas por ni katolikoj, studi ĝian organizan formon kaj la metodon de la ĝia praktika agado.

Koncerne la organizacion, ni tuj vidas, ke ĝi ne estas unueca kaj mehanike kunigita organizo kun unueca agadprogramo kaj statuto. Kiel ni jam diris, ĝi estas konglomerato de plej diversaj memstaraj grupoj, asocioj kaj movadoj. La unuiga ligilo estas la komuna spirita konvinko, ke — ĉar la naturo sufiĉas por la bono de la homaro — la supernatura religio kaj eklezio estas superfluaj kaj kontraŭbatalindaj kiel reakciaj kaj kontraŭprogresaj homaj eltrovaĵoj. Kvankam antaŭ la milito estis politika diferenco inter la germanaj kaj francoj „loĝioj“, tamen neniam la politika diferenco estis tiel grava, ke unueca kunhelpo estis malebla. Kaj tie kuŝas la plej granda forto influa de la framasonaro: malgraŭ ĉiuj personaj kaj naciaj diferencoj kaj interesoj, ili tamen ĉiam estas unuigitaj por la unu sama celo: kontraŭbatali la supernaturan kristanismon ĉie kaj ĉiam kaj per ĉiuj iloj, precipe per ŝtataj leĝoj, per la universitatoj kaj la gazetaro. Malfeliĉe ni katolikoj jam dum pluraj centjaroj ne plu trovas la komunan bazon por energia kunagado internacia. Ni estas disŝiritaj en partioj kaj nacioj kaj pro tio senfortaj. Ni ne miru se la kontraŭeklezio spirite kaj reale gajnis preskaŭ la tutan kulturan homaron. Lernu ni fine! Super ĉiuj naciaj diferencoj kaj personaj opinioj devas esti la unueca komuna celo: disvastigadi la Dian Regnon. Ne mankas voĉoj, kiuj serioze azertas, ke ĝuste la framasonaro subtenas la troan nacionalismon inter la katolikoj por malebligi ilian internacian kunhelpon.

Alia tre rimarkinda punkto estas organiza formo: Kvankam la framasonaro estas konglomerato de diversaj branĉoj, ĝi tamen havas plej bone organizitan „kernon“: la loĝioj. Ĉi tiu kerno, kiu estas la spirita kaj agada centro de la kontraŭeklezio konsistas el la 36 rangoj aŭ plibone ringoj, kaj oni nur povas atingi pli altan rangan post longdaŭra sinproviĝo. Per tiu plej ruza elektmetodo oni efikas, ke nur absolute fidelaj membroj povas partopreni je la gravaj decidoj. Tiamaniere oni edukas taŭgajn soldatojn kaj fidindajn oficirojn. (Daŭrigota.)

# 2ª Internacia Laborkongreso Katolika en Luxembourg.

**30ª julio ĝis 3ª aŭgusto 1922.**

6ª komuniko.

**Urĝa tempo** estas, ke vi sendu vian anoncon por la kongreso. Ĉar alie diligenta preparo por loĝigo ktp. ne estos eble.

**Ĝenerala programo:** Dimanĉe, 30ª julio: solena Diservo: posttagmeze: saluta kunveno; eklekto de la prezidantoj ktp.

Lunde ĝis merkrede: la traktadoj de la konferencoj.

Ĵaude: solena fina kunsido, publika demonstracio.

**La konferencoj aranĝotaj:**

La ĉefa konferenco pritraktante la problemon de efika kunlaborado de la katolikoj tutmondaj: la situacio kaj la ĉefaj taskoj de la katolikoj en la apartaj landoj; la internaciaj taskoj de l' Eklezio en la moderna tempo; la perfektigo de tutmonda helporganizacio.

Junula konferenco: La gejunularo kaj la repacigo de la mondo. La realigo de l' internacio de la gejunularo katolika.

Misia konferenco (enlanda misio): la regajno de l' intelektuloj, de la proletariato por l' Eklezio; la katolika misio en Rusujo; la reunuiga movado en Anglujo.

Porpaca konferenco: La malfacilaĵoj de la porpaca movado katolika en la apartaj landoj; praktikaj taskoj de la movado; la realigo de la kristanaj principoj en la publika vivo internacia.

Elmigrada konferenco: La devoj kaj taskoj de la katolikoj por prizorgado de l' elmigrantoj. La jam ekzistantaj institutoj kaj organizoj naciaj; internacia kunhelpo.

Gazetara konferenco; la katolika gazetaro kaj la realigo de la katolikaj taskoj tutmondaj; praktikaj vojoj de la kunlaborado.

Esperanto-konferenco. Esperanto kiel ilo praktika por la tutmondaj interesoj katolikaj.

**Publika manifestado** estos aranĝata kiel repacigofesto de la junularo katolika. Gejunuloj el preskaŭ ĉiuj eŭropaj landoj kaj grandaj naciaj junulasocioj anoncis sin al partopreno. Famkonataj oratoroj diversŝtataj publike parolos. Ĉiuj gejunuloj kaj gejunulaj asocioj estas kore invitataj.

**Speciala elparolado** estas preparata por la geinstruistoj katolikaj.

**Listo de la raportistoj** ne ankoraŭ definitive estas fiksita. I. a. raportos: Prof. Bauregard, Parizo; Dro Goerdes, Berlino; Msro Gießwein, deputato, Budapest; Prof. Carolfi, Italujo; Dro Stelé, Ljubljana (Jugoslavujo); Rev. Wallser, Anglujo; Fino Crownford, Londono, ktp.

**Akceptejo** estos preparata en la stacidomo de Luxemburg, kie la kongresistoj alvenintaj ricevos la necesajn informojn pri loĝigo, la konferencsalonegoj, detala programo ktp.

Loĝigo. Partoprenontoj, kiuj deziras loĝigon per la organiza komitato, skribu tuj, por ke oni prizorgu ĝustatempe la preparojn. Por kongresistoj el malaltvalutaj landoj oni laŭeble preparos malmultekostajn loĝejojn.

**Pasporto:** Laŭ oficiala sciigo kongresistoj el Svisujo, Anglujo, Italujo, Hispanujo, Francujo ktp. speciala „Visum" nè estas necese. Por Germanujo oni elpetu informon de Dro Hinsenkamp, Essen, Zweigerstr. 34 aŭ rekte ĉe la „Luxemburgisches Generalkonsulat Berlin", kiu malaltigas la prezon por kongresistoj. En dubo oni sin turnu al la „Belga konsulejo" de sia ŝtato, kiu samtempe reprezentas la Luxembourgan registaron en ŝtatoj, kie Luxembourga konsulejo ne ekzistas.

Novaj aliĝoj: Sro Stelé, Jugoslavujo; Sro L. Campa, kun du amikoj, Jugoslavujo; Pro Dupong, Luxemburg; Sro Schwand, Germanujo; Prof. Bauregard, Parizo; Prof. Wallser. Anglujo; Dro Hinsenkamp, kun 20 samideanoj de Essen, Germanujo; Sro N., Milano; Sro Erlenkamp, Germanujo; Fino Schmitz, Berlino; Pro N., Kosoviĉe, Ĉeĥoslovakujo; Sro Kielbratovski, Polujo; Sro Krejl, Danujo; Sro Kuhnen, Germanujo; Sro Tiunjaitis, Litovujo; Sro Maĉernis, Litovujo; Pro Gengler, Luxemburg; Pro Andreis, Francujo; Prof. Le Fur, Straßbourg; Fino Untermayer, Germanujo.

Pro Suter, Svisujo, plue reprezentantoj de „Pax Pomana", Svisujo, junula asocio en Germanujo, de „Opere d. K. F.", Italujo ktp. **Entute pli ol 100 aliĝoj**, inter ili reprezentantoj de influaj katolikaj organizoj kaj institucioj plej diverslandaj.

ĉiuj kristanoj", invitante la kristanojn de la tuta mondo al unueca kunligiĝo kaj kunagado. Oni scias, ke la alvoko, same kiel al la grandaj eklezioj de l' Oriento, oficiale estas transdonita al Vatikano kun la invito, ke ĝi sendu delegiton por komuna konferenco de la kristanaj eklezioj, aranĝota 1921 en Ĝenevo, Svisujo. La Vatikano tre ĝentile akceptis la delegitojn, esprimante, ke oni — se ankaŭ la roma eklezio ne povas partopreni komunan konferencon — salutas klopodojn, realigi kunagadon de le kristanoj kaj deziras bonsukceson. La nomita konferenco de Ĝenevo okasis 1921 dumsomere. Se oni ankaŭ ne sukcesis trovi komunan bazon por unueca agado, oni devas tamen rekoni la seriozan penadon, solvi la malfacilan problemon.

La citita alvoko trovis grandan aplaŭdon en multaj landoj, precipe en la teritoroj da la anglikana eklezio. Oni devas atente observi la pluajn paŝojn de la movado. Se oni ankaŭ ne atingos la ĉefan celon, certe oni sukcesos, realigi pli intiman kunlaboradon de la branĉoj de la anglikana eklezio. Multe pli grava estas la fakto, ke oni ekkomencis seriozajn intertraktadojn inter la anglikana eklezio kaj la patriarko Tychov de la rusa ortodoksa eklezio en Moskovo. Same oni scias certe, ke aliaj naciaj branĉoj de la ortodoksa eklezio, en Konstantinoplo, Jugoslavio ktp. estas en interrilatoj kun la anglikana eklezio kaŭze de iuspeca kunligiĝo . . .

Dua grava internacia unuiĝo estas la „reformita mondligo" kiu jam 44 jarojn ekzistas kaj ĝis nun precipe sin etendas sur la teritorioj de la angloamerikana Kalvinismo. 18. ĝis 25. sept. 1921 okazis en Pittsburg, Usono, ĝenerala kunveno, kiu estis grandega demonstracio de la tutmonda reformita protestantismo. Krom la reformitaj kaj presbiterianaj eklezioj de Eŭropo kaj Ameriko estis reprezentitaj la misiaj eklezioj de Asio kaj Afriko, entute 270 delegitoj. La „koncilo" simpatie salutis la supre nomitajn unuigajn klopodojn de la anglikana eklezio kaj pristudis tiam la vojojn por havi pli intiman kunlaboradon de ĉiuj reformitaj eklezioj, precipe inter la usonaj kaj eŭropaj.

Sendube tiuspecaj specialaj konferencoj havas grandan signifon por realigi en konvena tempo universalan konferencon de la nekatolikaj kristanaj eklezioj. Ĉi tie mi memoras, ke en Usono ekzistas federacia koncilo (Federal Council) de ĉiuj protestantaj eklezioj usonaj, kiu havas grandan gravecon ne nur por kunlaborado en Usono, sed same por la internaciaj interrilatoj inter ĉiuj nekatolikaj eklezioj kristanaj. Oni diskutas jam la planon, krei similan institucion en Eŭropo. La reformita mondligo per la nomita koncilo ricevis novan instigon, kuraĝe iri antaŭen, kaj oni devas pripensi, ke la reformita protestanismo estas granda forto en la mondo.

Mi ne povas preterpaŝi ĉi tie la fortan „mondligon de la kristanaj junulaj asocioj". Ĉi tiu tutmonda organizacio enŝlosas 43 naciajn ligojn kun 9000 lokaj unuiĝoj kaj 1,400.000 membroj. La Ligo, kiu dum la milito admirinde laboris precipe por la militkaptitoj, per sia karita agado havas grandan influon en la mondo. Ĝi eĉ en Ĥinujo kaj Japanujo havas domojn por la kristanaj junuloj.

(Daŭrigota.)

# Libera tribuno.

## Kiel oni regajnu la „proletariaton" por Kristo kaj l' Eklezio.

Laŭ mia opinio la Marksismo kaj socialismo neniam eble estus iĝinta, se la pura ideo de la vera, kristana socialismo, la kristana karito pli aktive kaj vive estus montrinta sin en ĉiuj cirkonstancoj de la hodiaŭa homaro. Se iu katoliko kaŭzas skandalon, li multe pli malutilas nian kristanan aferon ol sinceraj kontraŭuloj. Ni katolikoj multe pekis, kelkfoje ni eĉ reprezentis la ĝuste kontraŭon ol la principojn da l' kristianismo. Certe vere konvinkita kaj kredokonscia katoliko ne estas malfortigata per tielaj pekoj, sed ĉe malpli fortaj, ne sufiĉe edukitaj homoj tio oftege kaŭzas la forlason de la vojo de l' kredo, des pli, ĉar ofte tielaj pekoj estas aprobitaj, almenaŭ ne malaprobitaj de katolika flanko. Tiamaniere perdiĝintaj — ofte per nia kulpo — grandparte formas la hodiaŭan proletariaton.

Erarantajn kaj erarigantajn ni devas rekonduki, konverti. Por povi konverti, oni bezonas apostolojn, misiistojn. Ni mem devas iĝi apostoloj, disciploj de Kristo. Kaj nuna tasko nia estas: korteni la spiriton de Kristo kaj realigi ĝin en la vivo. Laŭ mia opinio nia apostolato nur vere sukcesos, se ĝi estas subtenata kaj apogata per la propagandanta ekzemplo, la vivanta agado. Unue ni devas sanktigi nin mem, poste la aliajn; la apostolata spirito alie malbruliĝas. Ĉiu bona reformatoro komencu ĉe si mem! Do, se ni katolikoj volas konverti aliajn, unue ni devas iĝi ni mem, kiel ni predikas al aliaj. Vere, la ekzemplo ĉionpenetranta jam estas almilitanta apostolato. La plej grava do estas: renovigi en Kristo ĉiun kaj ĉion portantajn kristanan nomon, ĉar verdire ne nur ĉe la tiel nomitaj baptatestaj katolikoj, ankaŭ ĉe multaj ŝajne bone katolikaj personoj, organizoj, societoj, institucioj kiel ekz. la gazetaro kelkfoje mankas vere kristana spirito.

Nevole mi akcentas tion precipe pri la politiko. La politika partio, nomante sin kristana, ne indiĝas je ĉi tiu honortitolo, ĝi pli malutilas la kristanan aferon ol malamika partio. Persono ne estas gajnita por Dio kaj Eklezio, se li balotadis eventuale por „kristana" partio, ankaŭ ne perdita, se li aniĝas al alia ol la laŭnome kristana partio. Se ekzistas rilato inter religio, katolikismo kaj politiko, certe tio nur estas eble tiamaniere, ke la spirito de l' kristanismo direktas la politikon de la „kristana" partio, preterlasante ĉiajn ŝajnajn profitojn kaj utilojn de l' partio, ĉar la unusola celo nur povas esti: Kristo. Alie religio kaj kristianismo estus tiritaj malsupren al la nivelo de ŝanĝanta partia politiko. Se ni volas iĝi apostoloj, nia devo ne estu anigi la hodiaŭajn anojn de malamika partio al „kristana" partio, sed: savigi homojn laŭmodelajn de Dio, gajni nemortantajn animojn por Dio kaj la vera, vivanta kristianismo. Tiam, nur tiam, nia devo estas plenumata.

Alia grava faktoro estas la gazetaro. „Kristana" ĵurnalo skribanta malplivalore aŭ eĉ malkristane, estas multe pli malbona ol alia gazeto nekristana, ĉar de la lasta oni ne atendas kristanajn principojn. Pro tio ni katolikoj klopodegu el ĉiuj niaj fortoj havigi al ni vere katolikan gazetaron! . . .

Se oni pripensas la hodiaŭan situacion, oni preskaŭ malkuraĝiĝas kaj malĝojiĝas. Parolante al malkonvertiĝantaj ofte oni devas aŭdi: „Jes se estus, kiel vi diras! Sed kie estas la kristanoj, la vere laŭfakte kristanoj?" Dank' al Dio, ekzistas veraj kristanoj, sed tro malmultaj! Ni plimultigu ilin, renovigante nin mem kaj ĉiujn fortojn katolikajn, pastrojn kiel laikojn, realigante la idealon de Kristo mem, kaj tiu vera profunda apostolato regajnos la proletariaton al Kristo kaj l' Eklezio!

Juna proletariatano katolika.

# Peto.

La rezignita paroĥestro J. M. Bakalar, Valĉice (Feldsberg), Ĉeĥoslovakujo, unu el la unuaj pioniroj de la katolika Esperanto-movado, kiu pro lia laboro multe devis suferi, nun vivas en mizero. Ni rekomendas lin al la bonvola helpo de samkredanoj en altvalutaj landoj; eble oni sendu al li altvalutajn mesajn intencojn por helpi lin.

# El la movado.

## Ika.

Estonte ni pli regule ol estinte raportos pri la agada laboro de la movado, por ke ĉiuj amikoj estu informitaj pri la bonaj progresoj. Ni ja estas ĉiuj samideana familio tutmonda; la ĝojoj kaj la zorgoj de la unuj samtempe estas ĝojoj kaj zorgoj de la aliaj. Ne estas ĉiam facile konstati detale la progresojn kiuj ofte nur estas moralaj, pro tio ne takseblaj. Kelkfoje estas pli decida gajni unu energian kaj influan kunhelpanton ol fondi novajn cirklojn aŭ grupojn, kiuj tiam tre, tre silente agadas.

Resume ni povas diri: Malgraŭ diversflankaj atakoj kaj sekretaj kontraŭagadoj nia movado dank' al la bonvola helpo de Dio kaj oferema kunlaborado de niaj amikoj bone progresas en la mondo. En preskaŭ ĉiuj pli gravaj ŝtatoj de l' terglobo hodiaŭ estas delegitoj, kunhelpantoj, amikoj. Sepeciala gazetara servo estas organizita kun bona sukceso. En multaj cent da gazetoj diversŝtatoj — ne nur en la tuta Eŭropo, sed ankaŭ en Usono, Suda Ameriko, Filipinoj, Aŭstralujo, Hindujo ktp. — aperis artikoletoj kaj raportoj pri nia movado kaj kongreso. Eble kvardek ekleziaj princoj el 15 ŝtatoj ĝis nun sendis enkuraĝigajn leterojn aŭ aliĝis persone al Ika. Plej grava estis artikolo aperinta en Osservatore Romano de 9ª de Aprilo, kiu detale raportis pri kongreso kaj Ika. Per partopreno al internaciaj kongresoj, per specialaj propagandaj vojaĝoj kaj letera propagando (multaj mil da personaj leteroj estis dissenditaj en ĉiujn partojn de la mondo), vivaj interilatoj personaj estas trovitaj kun pioniroj de la nacia kaj internacia agado. Amikoj el diversaj ŝtatoj (Francujo, Germanujo, Svisujo, Nederlando, Jugoslavujo ktp.) vizitis la centrejon por studi aŭ kunlabori. Precipe ni dankas al Fino Dabancourt de Parizo, kiu per pluraj monatoj ĉeestis ĉi tie kaj plej fervore subtenis nian movadon en Francujo kaj Italujo. Pri diversaj landoj mi nur raportas mallonge.

Svisujo. Per la senlaca agado de nia kara prezidanto Prof. W. Arnold, la movado mirinde progresas. Ĉiuj grandaj katolikaj unuiĝoj (krom unu) aliĝis al Ika. Dro Metzger farante propagandvojaĝon povis forigi multajn antaŭjuĝojn, disvastigitajn per kontraŭuloj kaj ligi bonajn personajn interrilatojn.

Jugoslavujo. Tre stranga artikolo antaŭ nelonge estis en „Slovenski narod", nekatolika ĵurnalo de Ljubljana, ĉefurbo de Slovenujo, sub la titolo „Klerikala Internacio". Laŭ tiu la „klerikaloj" precipe alceladas du taskojn: krei ĉiulande katolikajn universitatojn kaj „Internacion Katolikan". Kiel ĉefgvidantojn de tiu „danĝerega" entrepreno l' aŭtoro nomas Don Sturzo, Kardinalon Ferrari, la nunan Papon Pion — kaj la germanan misiiston Dron Metzger!! Precipe la partopreno de la germanoj ŝajnas al li suspekta signo, ke la tuta internacia movado ne servas al aliaj celoj ol — oni aŭdu! — al la organizado de la „revanche" (venĝo) de la germanoj!! (Oni vidas la malnovan metodon de la kontraŭuloj, politike disunuigi la katolikojn por malebligi la kunlaboradon sur socio-religia kampo). Sed ĝuste en sama tempo Dro Metzger venis Ljubljanon, invitata de la katolika studantaro, por raporti pri Ika en diversaj rondoj, kaj ĉie liaj paroladoj entuziasme estas akceptitaj. Pluraj reprezentantoj ĉeestos en Luxemburg kaj pluraj tuj ekkomencis lerni Esperanton.

Francujo. Okaze de la landa kongreso Sro Muffang raportis pri Ika kaj varbis sukcesplene novajn amikojn. Sro Delanoue malfermas Esperanto-kurson en „Democratie" kun naŭ lernantoj.

K. M.

## Moka.

Germanujo. Pentekoste okazis en Nürnberg (Germanujo) la dua asocia tago de la ligo de katolikaj junulaj societoj tutlandaj (300.000 membroj) kiu ankaŭ pritraktis la Esperantan movadon kaj Moka. Moka estis reprezentata per ĉefsekretario Sro Sappl. La intereso por Moka estis sufiĉe vigla.

Svisujo. Ĉefsekretario Sappl estis tri semajnojn en la lando, farante propagandajn paroladojn pri Moka kaj Esperanto en la ĉefaj urboj. Ĉie oni salutis entuziasme nian movadon kaj ankaŭ subtenis ĝin finance. La ĝenerala sekretario de la svisa katolika junula asocio vizitos nian kongreson en Luxemburg. Novaj delegitoj en diversaj provincoj estas starigataj kaj centoj da broŝuroj venditaj. Sekretario de Moka ankoraŭ restadas en Svisujo por daŭrigi la paroladojn en ĉiuj katolikaj junulaj societoj.

Italujo. Ankaŭ tie nia movado kreskas iom post iom. Nia landa sekretario Sro Riccomini fervorege laboras. Antaŭ ne longe aperis longa artikolo pri Moka en grava katolika gazeto itala. Sro Riccomini dissendis niajn itallingvajn flugfoliojn al multaj katolikaj gazetoj kaj unuiĝoj.

Nederlando. Sro Kemme en Amsterdam dissendis skribaĵon al delegitoj de Moka, asertante, ke mi trograndigas la sukcesojn de Moka ktp. Mi jam sendis respondon al „EK" subskribitan de la tutestraro de Moka, sed kontraŭe al la plifruaj asertoj, ke ĝi volonte publikigos niajn respondojn, E. K. ĝis nun ne publikigis la tekston. Intertempe Sro K. dissendis novan cirkuleron kontraŭ Moka, sen respekti la klarigon de la tutestraro. — Principo en nia movado devas esti reciproka sincereco! Riproĉojn ktp. oni direktu senpere al la centrejo kaj ne al kelkaj delegitoj, ĉar ili ne povas ŝanĝi la staton.

Ĝeneralaj komunikoj: La germanlingva broŝuro „Ni katolikoj kaj la internacia junula movado" ĵus aperis en dua eldono. Novaj germanlingvaj flugfolioj aperis kaj ĉiuj delegitoj germanaj postulu kvanton por la disdono al interesuloj. Por la kongreso en Luxemburg partoprenantoj precipe ankaŭ el Moka rondoj estas ankoraŭ atendataj. Nia kongreso devas fariĝi vera manifestacio de la tutmonda katolika gejunularo. H. S.

(Daŭrigota.)

## Internacia poŝto.

Sro H., Ĉeĥoslovakujo. Estas tute malvera azerto ke Ika ne prizorgas la disvastigadon de Esperanto en la katolikaro. La regule sekvontaj raportoj „El la movado“ plej taŭge rifutos ĉi tiun azerton. Ĉie, kie Ika kreas cirklojn aŭ grupojn, samtempe formiĝas Esperanto-rondoj kaj tio precipe en cirkloj, kie nur la Ika-ideo preparis la vojon por Esperanto. Plue nia eldonejo daŭre publikigas Esperanto-literaturon kaj propagandilojn kaj ni esperas ke la pligrandigo de Paŭlus-Eldonejo estonte tion faciligos.

Sro W. K., Germanujo. Jes vi estas bone informita. Laŭ sciigo de tute fidindaj amikoj Msro Diepen, nenion sciis pri la daŭraj personaj atakoj en E. K., ne scipovante legi Esperanton kaj li ne laŭdis tiuspecan agadon!

Sro P., Holandujo. Havu konfidon! Estas Diavolo, ke liaj disĉiploj estu persekutataj, kalumniataj, malestimataj. Ĉu la disĉiplo ne devas suferi, kion la Majstro senkulpa kaj senpeka suferis? „La disĉiplo ne estas pli bona ol la Majstro.“ Tia estas la vojo al glora venko.

K. M.

## Atentu! Novaj abonprezoj.

La daŭra senvaloriĝo de aŭstria germana ktp. valutoj postulas plialtigon de abonprezoj por la koncernaj landoj; alie danĝeriĝus daŭra apero de K. M. La kondiĉojn por altvalutaj abonintoj ni klopodas plibonigi laŭpove: La prezoj por dua kolekto (11—20) estas jenaj:

Altvalutaj ŝtatoj: Svisujo, Hispanujo, Anglujo kaj similvalutaj ŝtatoj: 4 fr., p., ŝ. ktp. Usono kaj s. v. ŝt.: 1 d.

Kiu mendas al unu sama adreso 5 (10) kolektojn, ricevas 1 (2) kolekto senkoste. Kiu varbas almenaŭ 5 novajn abonontojn ricevas unu kolekton senkoste.

Mezvalutaj ŝtatoj: Francujo, Belgujo kaj s. v. ŝt.: 5 fr.; Italujo, Jugoslavujo kaj s. v. ŝt.: 6 l., d.; Ĉeĥoslovakujo, Romanujo kaj s. v. ŝt.: 10 č. K., lev ktp.

Kiu mendas 10 (20) kolektojn por unu sama adreso ricevas 1 (2) kolekto senkoste. Kiu varbas almenaŭ 15 novajn abonontojn, ricevas nnu kolekton senkoste.

Malaltvalutai ŝtatoj: Germanujo, Baltikaj ŝtatoj: 30 g. M.; Polujo, Hungarujo: 300 p. M., h. Kr.; Aŭstrujo: 1000 a. Kr.

Kiu mendas 30 kolektojn por unu sama adreso aŭ varbas almenaŭ 25 novajn abonontojn, ricevas unu kolekton senpaĝe.

**NB.** Oni sendu la monon plej bone per naciaj bankbiletoj de la propra lando al Paŭlus-eldonejo, Graz, Karmeliterplatz 5, Aŭstrujo, aŭ al la nacia direktoro de Ika. Por Germanujo (Verlag Volksheil Karlsruhe 26.195), Aŭstrujo, Ĉeĥoslovakujo, Svisujo oni postulu poŝtpagilojn de l' eldonejo. Oni povas komenci la abonon per iu ajn numero.



## Anoncetoj.

La kostoj por unufoja enpresigo ĝis 25 vortoj egalas la prezon de 5 numeroj (duonkolekto) en la nacia valuto de l' anoncanto; por pliofta enpresigo rabato.

Frant Buhr, bankoficisto, Praha-Břevnov 257, Ĉeĥosl., deziras interŝanĝi il. kartoj kaj korespondadi pri katolika movado en Ĉeĥoslovakujo.

Frant Lisý en Kladno, Stulcova 109, Bohem.-Ĉeĥosl., deziras korespondadi kaj interŝanĝi poŝtmarkojn el ĉiuj landoj.

Walter Brunner, Wien, XV., Gebr. Langg. 7, Aŭstrujo, deziras korespondadi kaj interŝanĝi postkartoj kaj markoj.

Jos. Schmidt, stud. theol., Laßnitzhöhe ap. Graz (nur dum somero), kaj pluraj kolegoj deziras korespondadi precipe kun aliaj kolegoj kaj pastroj.

S. Tijunaitis, gvidanto de katolika geinstruista unuĝo en Litovujo kaj kunredaktoro de organo de tiu ĉi unuiĝo „Lietuvos Mokykla“ (t. y. Lernejo de Litovujo), deziras korespondadi per leteroj kun la samaj samcelanoj pri alilanda katolika instruista organiza vivo kaj popolinstruadaj aferoj kun celo ricevitajn sciigojn aperigi en litova instruista preso kaj komenci interkomunikojn kun alilandaj organizoj geinstruistaj katolikaj por alproksimigi k.t.p. Adreso: S. Tijunaitis, Kaunas, Lukŝiog. 11. Lietuva, Litovujo.

Kiu kunhelpos konstruii preĝejon en la vilaĝo Wisterschan apud Teplitz-Schönaŭ, Ĉeĥosl. Por monsendu akleptu nian antaŭdankan. Theodoro Heiserholt, kateĥisto, Teplitz-Schönaŭ.

Sro Emil Pfohl en Arnaŭ, Bohemujo (Ĉeĥoslovakujo), deziras korespondadi kun gesamideanoj ĉiuj landaj. Mi ankaŭ kolektas bildkartoj kaj poŝtmarkoj; respondon certe.

Ĉiuj samreligianoj, kiuj sendos ĉ. 30—50 poŝtmarkojn maloftajn de sia lando, certe ricevos same tiom da belaj hungaraj poŝtmarkoj. Popp Zoltan, Miskolcz, Szentpéteri kapu 29/a, Hungario.

Sro W. Mudrak, Wien, XV., Gebr. Lang-Gasse 7 (Aŭstrujo), deziras korespondadi kun samideanoj el la tuta mondo pri mondpaco (germane, ĉeĥe kaj esperante). Mi respondas certe.

Sro Anatolio Volohov en Tambov, Kambarovskaja 48 (Rusujo), deziras korespondadi kun gesamideanoj el ĉiuj landoj pri diversaj temoj.

Sro Heinrich Rhein, Mainz (Germanujo), Hopfengarten 4, interŝanĝas poŝtmarkojn kun samideanoj el ĉiuj eŭropaj landoj. Valoro laŭ Senf aŭ Michel.

Sro A. Marinovič, VI, zandarm. brigade Split, Dalmacija (Jugoslavujo) deziras korespondi kun samideanoj el ĉiuj landoj, precipe kun fraŭlinoj.

Sro Pedro Juarez Cano, Santa Clara, Apartado 148 (Cuba), deziras interŝanĝi poŝtkartojn, poŝtmarkojn, fotografaĵojn kun samideanoj el la tuta mondo. Li sendas de Cuba.

Sro Józef Bulski, Warszawska 59, Częstochowa (Polujo), deziras korespondadi per poŝtkartoj ilustritaj kaj interŝanĝi gazetojn kaj poŝtkartojn ilustritajn (bfl).

Poŝtmarkkolektantoj atentu! Mi interŝanĝas poŝtmarkojn kun la tuta mondo, sendu al mi poŝtmarkojn kaj mi ankaŭ sendos belajn hungarajn poŝtmarkojn. Németh László, Miskolcz, Minorita rendház, Hungario.

Mi deziras korespondadi en Esperanto kun samideanoj el ĉiuj landoj, precipe kun kolektant(in)oj de poŝtmarkoj kaj kartoj ilustritaj. Sro Kazimierz Welz, seminariano, Seminario, Pomoranujo, Polujo.

Estro de la 3a ordo de s. Francisko deziras sciiĝi pri la agado kaj disvastiĝo de l' ordo en aliaj landoj. Frideriko Stelkens, Breberen, poŝto Gangelt (Rheinland), Germanujo.

Aŭstralio: Korespondadi deziras kun katolikaj samideanoj ĉiulandaj l., p. K. p. m. Patrik Leahy, 36 Royal st., East Perth, West-Aŭstralio.

Mi deziras korespondadi kun seminarianoj de la tuta mondo. Joan Font Giralt, stud. teol., Ĉefdelegito de Moka. Seminario. Girona (Hisp.-Katalunujo).

Sro J. Bernhard, München 12, Guldeinstraße 32/I R. — deziras interŝanĝi poŝtkartojn ilustritajn (prefere preĝejoj, monumentoj) bfl. Poŝtmarkojn (mi ne sendas antaŭe) kun la tuta mondo.

**Filatelistoj atentu!** Ĉu vi jam posedas ĉiujn austriajn poŝtmarkojn? Se ne, tiam postulu elektaĵon de aŭstriaj poŝtmarkoj! Kontraŭ referencoj mi sendas al ĉiuj honestaj esperantistoj belajn elektaĵojn por tre malaltaj prezoj. Skribu tuj, ĉar la poŝtmarkoj de unu monato al alia pli multekostiĝas. Oni skribu al: Josef Kolnhofer, Wien, XIII., Zehetnergasse 37.

# Paŭlus-Eldonejo. Paŭlus-Asocio.

## INVITO.

Paŭlus-Eldonejo, Internacia Katolika Eldonejo, Graz, Karmeliterplatz 5, eldonas laŭ decido de ĝenerala kunveno de 3a marto 1922 konforme al § 7 de la statutaro Akciojn entute ĝis 20 milionoj da aŭ. Kr. en partoj de 1000 kaj 10.000 aŭ. Kr. Kun unufoja aliĝo-kotizo de 50 aŭ. Kr. La akciopartoj estas eldonataj al personaj nomoj kaj nur al konvinkitaj katolikoj kaj katolikaj organizoj aŭ institucioj sen diferenco de la ŝtato. Sen konsento de la estraro ili ne povas esti forvendataj. La partoj donas fiksan rentumon de 5% kaj — tre grava novaĵo — ĝis 50% de la efektiva gajno je la fino de la koncerna negocia jaro per decido de la ĝenerala kunveno estos disdonata al la akciuloj tiamaniere, ke la rentumo estas plialtigebla ĝis 15%.

Paŭlus-Eldonejo estas la sola internacia katolika eldonejo. Subtenata per la Internacia Katolika Ligo sendube ĝi havas tre enkuraĝigajn perspektivojn kaŭze de bonaj rilatoj al ĉiuj landoj. Do la partopreno al la Paŭlus-Eldonejo estas samtempe tre rekomendinda subteno de la internacia katolika agado kaj partopreno je negocie profitiga entrepreno.

Do ĉiuj samideanoj katolikaj kore estas invitataj aĉeti akciajn partojn. La nuna valuta diferenco multe faciligas la partoprenon. Pluaj invitoj estas haveblaj ĉe Paŭlus-Eldonejo. Sed oni nur rajtas ilin disdoni al fidindaj katolikaj personoj aŭ organizoj. Por sendo de fidindaj adresoj ni kore dankas.

POR LA PAŬLUS-ASOCIO KAJ PAŬLUS-ELDONEJO:

| M. J. Metzger, | M. Heinreich, | Kasparo Mayr, |
|---|---|---|
| Direktoro de la Internacia Centra oficejo. Prezidanto de la Paŭlus-Asocio. | Eldonejestro. | Ĉefsekretario de Ika. Prezidanto de eldoneja komitato. |

**Kiamaniere oni aĉetas praktike akciopartojn de Paŭlus-Eldonejo.**

1. Legu en via ĵurnalo la valutan valoron de la aŭstra krono en via lando, tiam sendu per enskribita letero la koncernan sumon en viaj naciaj bankbiletoj al Paŭlus-Eldonejo, Graz, Karmeliterplatz.

2. Dua pli simpla vojo: Sendu certan sumon en viaj naciaj bankbiletoj per enskribita letero. Paŭlus-Eldonejo kalkulas viajn bankbiletojn laŭ la krona valoro en via ŝtato kaj tuj sendos la akciajn partojn. La ebla restaĵo estos al via dispono ĉe Paŭlus-Eldonejo laŭ via destino aŭ por Ika-subteno.

Samideanoj en Hispanujo aŭ aliaj landoj, kie malgrandaj bankbiletoj ne ekzistas, povas sendi la koncernan sumon en svisaj aŭ francaj frankoj aŭ en alia konstanta nacia valuto.

Atentu! Estas plej grava, ke la akcioj ne estiĝu posedaĵo de kelkaj profitemaj kapitalistoj, tial ili estas personaj akciopartoj, ne vendeblaj sen antaŭa konsento de l' estraro. Ĉar bedaŭrinde en tiu kapitalista epoko ne estas eble eldoni senrentumajn akciojn, tamen por laŭeble eviti la kapitalistan karakteron, oni decidis, ke ĉiuj akciuloj partoprenu je la efektiva gajno, atendante ke la akciuloj ne nur estas la mondonantoj, sed same agademaj kunlaborantoj de l' entrepreno.







Eldonejo: Paŭlus-eldonejo, Graz, Karmeliterplatz 5. — Redakcio: Dr. M. J. Metzger, Graz. — Presistejo: „Styria“, Graz.